# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**



Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@wanadoo.es


*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*


**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7; ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA : 0182-2552-61-0204011.961**
**Admin@esperanto-es.net**

**www.esperanto-es.net**




## Enhavo



**62a Hispana Kongreso**

**15a - 20a de julio**

# Estrarkunsido



La HEF-estraro kunsidis en la universitata restadejo de San Vicente del Raspeig (Alakanto) la 1an de aŭgusto 2002 ekde la 12:00 horo. Ĉeestis: s-ro Pedro Garrote, s-ro Miguel Gutiérrez, s-ro Manuel Parra, s-ro Augusto Casquero kaj s-ro Marcos Cruz, plus pluraj membroj de la asocio. Prezentis sian ekskuzon s-roj Galofré kaj Hernández.

## Pritraktitaj aferoj:

1— La sekretario laŭtlegas la protokolon de la antaŭa kunsido (13an de aprilo 2002, Boletín 355), kaj oni ĝin aprobas. Pri la ĝisnuna plenumo de ties decidoj, ni konstatas ke pluiras la streboj por instali en la oficejo la lineon ADSL.

2— Al junia letero de Edition Iltis, demandanta pri la aperonta vortaro de Fernando de Diego, ni respondos, ke ĝi aperos en somero 2003.

3— Reage al letero de Eŭropa Esperanto-Unio, petanta financan apogon por funkciigi la Bruselan Komunikad-Centron, ni decidas altigi la jaran kontribuon de HEF al EEU el la ĝisnuna 0'25 € por ĉiu membro al 1'00 € por ĉiu membro.

4— Prezentiĝas propono nomi la samideanon Giordano Moya Escayola "Honora Membro" de Hispana E-Federacio. Ni pozitive taksas la peton kaj plu proponos ĝin al la Ĝenerala Kunsido por fina decido.

5— Prezentiĝas propono inviti la Universalan E-Kongreson de la jaro 2006 por okazigi ĝin en Valencio. Ni pozitive taksas la ideon kaj plu proponos ĝin al la Ĝenerala Kunsido por formala decido.

Prez. Miguel Ángel Sancho
Sek. Manuel Parra

# Ĝenerala Kunsido



La 3an de aŭgusto 2002, je la 12:00 horo, en la universitata restadejo de San Vicente del Raspeig (Alakanto), okazis la Ordinara Ĝenerala Kunsido de Hispana Esperanto Federacio. Ĉeestis 19 membroj, inter ili jenaj estraranoj: Miguel Ángel Sancho, prezidanto; Pedro Garrote, kasisto; Manuel Parra, sekretario; Marcos Cruz, vicsekretario; Augusto Casquero kaj Miguel G. Adúriz, voĉdonantoj.

## Traktitaj punktoj:

a) *Eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido.*

Oni ne laŭtlegas ĝin tial ke ĝi estis publikigita en Boletín n-ro 352. Sen pliaj komentoj, la protokolo estis unuanime aprobita.

b) *Prezento kaj eventuala aprobo de la kontoj.*

La koncernaj etatoj estis publikigitaj en Boletín n-ro 355. Cetere la kasisto disdonis inter la ĉeestantaj membroj fotokopiojn de la "Balance de situación" kaj la "Cuenta de Pérdidas y Ganancias", kaj la prezidanto klarigas kaj resumas la financan staton de la asocio. Oni prikomentas la eblan konvenon ke HEF enskribiĝu en la imposto IAE. La kunsidantoj unuanime aprobis la kont-etatojn.

c) *Prezento kaj aprobo de la jarraporto de la estraro.*

La prezidanto laŭtlegis la raporton, fakte jam publikigitan sur la paĝoj de la asocia organo, Boletín 355. Post la koncerna voĉdonado, la jarraporto estis unuanime aprobita.

ĉ) *Simpatiantaj membroj.*

La estraro proponas starigi novan membro-kategorion kun nula kotizo. La vicsekretario klarigas ke tiuj membroj ne ricevos la surpaperan revuon sed raj-

tos legi parton el ĝi per la reto. La rezulto de la voĉdonado estis: 1 kontraŭa voĉo; 1 sindetena; 17 poraj.

d) *Jarraporton de Fundación Esperanto.*

La Prezidanto laŭtlegas la jarraporton de la jaro 2001 de Fundación Esperanto.

e) *Propono de Honora Membreco.*

La estraro prezentas proponon nomi Giordano Moya Escayola "Honora Membro" de Hispana E-Federacio. Post prikomento de liaj grandaj meritoj kiel verkisto en kaj pri Esperanto, la kunsido unuanime aprobas la nomumon.

f) *Propono inviti al Valencio la Universalan E-Kongreson de la jaro 2006.*

La voĉdonanto Augusto Casquero prezentas la ideon kaj komentas la bonajn instalaĵojn kaj eblecojn kiujn nun disponas la urbo Valencio. La kunsidantoj unuanime aprobas kaj apogas la proponon.



Akceptejo kaj Libroservo

Tial ke ne prezentiĝis pliaj traktendaj aferoj, je la 13:30 horo la prezidanto fermis la kunsidon.

*Prez. Miguel Ángel Sancho*
*Sek. Manuel Parra*

---

## 10a Internacia Esperanto-Semajno de Kulturo kaj Turismo

19a ĝis 26a de Oktobro 2002, Cambrils (Tarragona)

Kun la partopreno de la Prezidanto de UEA, Prof. Renato Corsetti, kiu prelegos la dimanĉon posttagmeze pri la temo: UEA, faktoj kaj celoj.

Aliĝoj: ĝis la 31 de julio 21 €, poste 24 €. Kompleta pensiono 30 € tage en dulita ĉambro kaj 36 € en unulita ĉambro.






# La Kongreso



La 61a Hispana Kongreso de Esperanto okazis en Alicante de la 1a ĝis la 4a de aŭgusto. La kongresejo estis la 2a aŭlaro de la Universitato, kaj la plej multo el la kongresanoj loĝis en ties *Colegio Mayor*, kiu situas nur 50 metrojn for.

La kongresejo disponis aŭlojn, ĉiujn necesajn aparatojn por specialaj prezentoj, granda spacon kun trinkaŭtomatoj, klimatizitan aeron, grandegan aŭtoparkejon... kaj en la *Colegio Mayor* estis, je la dispono de la kongresanaro, bona kafejo, bonega naĝejo, kaj tre malmultekosta kaj altkvalita manĝejo. Vere, vere trafa elekto de la Kongresa Komitato, konsistanta el Augusto Casquero, Jose Miguel Bernabeu, Rodolfo Canet kaj Jacinto González.

La disdonado de la dokumentoj okazis ĉe la enirejo de la Universitato. Tie, sur granda afiŝtabulo, oni povis legi multajn kaj interesajn informojn pri Esperanto, kiuj fakte celis la eventualajn preterpasantojn. Ankaŭ granda e-flago bonvenigis la kongresanojn.

Ĉiu kongresano ricevis plaĉan kartonan tekon (ĉu ne sama kiel tiu donita en la kastelona kongreso?) kun krajono, globkrajono, A4-formata notkajero, amaso da informilo, ne nur pri la naturaj belaĵoj de Alicante, sed ankaŭ pri ĝiaj muzeoj kaj festoj, la informiloj ĝenerale uzataj de HEF en *Expolingua*, belegaj koloraj informiloj tradukitaj en Esperanto kaj agendo kun plako sur kiu legeblas "61a Hispana Kongreso de Esperanto Alicante 2002".

Alia pozitiva surprizo estis la Libroservo, aranĝita de la Valencia E-Grupo, kiu ne funkciis nur unu horon ĉiutage, kiel anoncite, sed laŭlonge de la tuta kongreso, danke al la sindonemo de s-ano Francisco Aliaga.

## En Elche, kulturo kune kun trinkado kaj manĝado de bongustaj tipaĵoj





En la manĝo-paŭzoj la kongresanaro translokiĝis al la apuda restadejo, kie oni povis abunde kaj bonkvalite manĝi kontraŭ tre malalta prezo.

Kurioze, kaj eble unuafoje en la tuta historio de HEF, la kunsido de la Estraro okazis publike. Legu pri ĝi sur la dua paĝo.




Flago ĉe la enirejo

Kompreneble, menciindas la kutimaj programeroj: Fermo kaj Malfermo de la Kongreso kaj la Ĝenerala Kunsido de HEF. Pri ĉi lasta oni povas legi sur la 3a paĝo.

Ankaŭ kutima, kiam temas pri renkontiĝoj en la Valencia Komunumo, kaj sendube tre plaĉa programero, estis la frata kunmanĝado de paelo, kiu okazis la 3an de aŭgusto borde de la restadeja naĝejo. La bongustan paelon kuiris geedzoj Inés Comabella kaj Francisco Conejero. Dankon!

Kortuŝa estis la "Omaĝo al niaj elstaraj samideanoj" lastatempe forpasintaj.

Instrua kaj amuza programero de la kongreso estis senpage gvidata vizito al la Kastelo Santa Barbara, situanta sur monteto, kiu superregas la tutan urbon, kaj de kie oni povis ĝui belegan panoramon de la tuta alakanta golfeto.

Ankaŭ senpaga programero estis la ekskurso al Elche kun vizito al araba banejo, preĝejo kaj tre interesa muzeo kun



Konkurso por gajni eŭrojn

multaj restaĵoj el la ibera kulturo. Ekster la muzeo oni festis la datreveon de la eltrovo de la tiel nomata "Dama de Elche" kaj la kongresanoj estis regalitaj per alkoholaj trinkaĵoj tipaj de la regiono kune kun speciala kuko.

Aliaj distraj programeroj estis la koncerto de Solotronik, kaj konkurso titolita "Ĉu vi volas esti milonulo?", kiun organizis s-ano Antonio del Barrio. Bedaŭrinde, la amuza konkurso, tre bone arangîta per komputilo, bezonis gigantan ekranon, sed la pedelo, zorganta pri la elektronika aparataro de la universitato, ne laboris en sabato, kaj la konkurso devis okazi en ne tro konvena loko, uzante porteblan komputilon.

Salvador Aragay, prezidanto de Barcelona E-Centro, faris la prezentadon de la libro "Esperantismo" de Giordano Moya, pere de komuna legado kaj interpretado de la verko. Fine de la prezentado oni disdonis al ĉiu partoprenanto senpagan ekzempleron.

## Amikaj rondoj ĉirkaŭ la tipa valencia plado: paelo











Diversaj grupoj de kongresanoj en la Kastelo Santa Bárbara kaj en la kongresejo

Interesa, eĉ se grandparte konata pere de la paĝoj de Boletín, estis la prelego farita de Ana Manero pri "Kia informado ĉe foiroj kaj similaj aranĝoj", aranĝita tiel ke la kongresanoj povis interveni ĉe la diversaj punktoj proponitaj.

La prelegon "Pioniro de Esperanto: Hemilio Herrera" faris s-ano Antonio del Barrio. La prezento, kiu klarigis la vivon de tipe pionira homo kaj ankaŭ forgesitan parton de nia e-historio, estis spicita ne nur per retroprojekciataj bildoj, sed ankaŭ per pluraj novaĵoj ne inkluditaj en la informo aperinta en Boletín 356".

Referaĵon pri la "Esperanta Prononcado" faris samideano Miguel Gutiérrez. La prezento, kiu okazis dividita en du partoj, celis ĉefe analizi la tipajn problemojn de hispanoj ĉe kelkaj e-literoj.

Sergej Maltsev, rusa samideano loĝanta nun en Elche, prelegis pri temo sendube interesa, sed apenaŭ konata en nia lando, t.e. "Esperanto dum la bolĉevisma tempo en Rusio".

Peng Zhengming, ĉina samideano vizitanta eŭropon, faris klarigan prelegon pri la funkciado de la ĉina lingvo. Fine de la prelego, kelkaj kongresanoj kuraĝis pepi du tri frazojn en la malnova orienta lingvo. La prelego okazis en salono de *Centro Loyola*, proksime de la urbodomo.

Ankaŭ en *Centro Loyola* okazis kvazaŭprelegon de s-ano Miguel Gutiérrez pri la aparta valoro de la kantoj por infanoj, kun specimena kantado de pluraj originalaj pecoj.

En aŭlo de la universitato, S-ano Peng Zhengming bildigis al la kongresanoj insteresajn aspektojn de la vivo en Ĉinio, pere de la vizito de francaj esperantistoj al tiu lando. La prezento okazis kun la helpo de vidbendo.

Aparte "atentokapta" estis la apero de nova poŝvortaro. Fakte, la vortaro eliris

# Ĉirkaŭ la mondo en 80 tagoj

Ĉi aventuro povus esti interesa por la propagando de Esperanto. Laŭ informis Joan Inglada, en la interreta kataluna forumo, du esperantistoj, Manel Viñals kaj Joaquim Marcoval, la 19an aŭgusto entreprenis vojaĝon ĉirkaŭ la mondo en 80 tagoj, sekvante ekzakte la trairon priskribitan fare de Jules Verne en lia mondfama novelo, uzante nur surterajn transportilojn, ne aviadilojn.

Por esti plej fidela al la verko de Verne, la aventuro komenciĝis ekzakte en la *Reform Club* de Londono, kien la vojaĝantoj devos reveni la 6an Novembro.

Plej interesa fakto, ili anoncis ke ili uzos Esperanton en siaj kontaktoj en la diversaj lokoj vizitotaj.

Konata katalunlingva reta gazeto, *Vilaweb*, detale informis pri la afero kaj jam aperigis 9 raportojn de la vojaĝantoj, kaj eĉ kreis specialan subpaĝon pri la interesa aventuro.

Eblas legi la raportojn en: http://vilaweb.com/especials/rodamon

*Darío Rodríguez*



Samideano Salvador Aragay, akompanata de Miguel Gutiérrez, en la prezentado de la verko "Esperantismo".

el la presejo en Zaragozo kaj atingis Alakanton nur la antaŭan vesperon. Kia suspenso! Kaj jen, kiam ĉiuj atendis la prezenton de la longe atendata poŝvortaro "Amika", Miguel Gutiérrez surprizis la ĉeestantojn per longa klarigo pri tio kial anstataŭ la anoncita verko li prezentos poŝvortaron "2002". La alveninta stoko el 50 ekzempleroj forvendiĝis en apenaŭ 5 minutoj!

Antaŭ la ĉiam malgaja adiaŭo kaj foriro, multaj el la kongresanoj partoprenis komunan manĝon. Nu, Ĝis la venonta jaro en Valencio!

*M.Z.D*

---



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Asturio

En la ĵurnalo *El Periodico de Gijon* (02.08.20) aperis salutleteron, sub la titolo "Desde Fortaleza", senditan de s-ano Julio Argüelles rekte el la kongresejo pere de Interreto.

## Eŭskio / Vaskio

* Unu bilbaoano partoprenis la SAT-kongreson de Alicante kaj du la eŭropan kongreson de Verona.

* El Verona ili alportis gravan mendon de la EEU, nome, la organizadon de la venonta europ-unia E-kongreso. Ĝi okazos en Bilbao en la jaro 2004, supozeble, en julio, antaŭ la UK de Pekino. Pri tiu okazontaĵo aperos pluaj informoj en Boletin kaj en aliaj E-revuoj.

* Jam la duan jaron, en junio finiĝis la E-kurso gvidata de J. Miguel Garcia en la Vaska Universitato. Por la venonta studjaro jam estis akceptata denove.

* Patxi de la Hoz komencis la konstruadon de TTT-paĝo por la E-Grupo de Bilbao. Ni esperas baldaŭ anonci ĝian adreson.

* La 13an de septembro okazis ĝenerala kunveno de la bilbaoa esperantistaro ĉe la klubejo. Inter aliaj aferoj, oni pritraktis la organizadon de novaj kursoj ekde oktobro. Ili estos gvidataj de Iñaki Velez.

* Ankaŭ estis pritraktata la presado de kristnaskaj loterikvitancoj. Espereble, oni komencos ilin vendi meze de oktobro. Ĉiu kvitanco, tute esperantigita, kostos 3 eurojn kaj, per ĝi, oni ludos 2,50 eurojn. Petantoj ekster Bilbao aldonu al tio la la koston de la sendo per rekomendita letero (1,50 eurojn).

## Katalunio

* Radio Bronka, sendependa FM-radioelsendejo (99:00), elsendas esperantan programon aranĝitan de Barcelona E-Centro. La elsendoj okazas lunde 19:20 h, marde-merkrede 00:25 h, jaŭde 10:11 h kaj dimanĉe 15:16 h.

* Trafa letero de Claude Piron, sub la titolo *Masoquismo*, aperis en la fako "leteroj por la direktoro" de *El Correo Digital* (02.09.11) pri la krizo de la lingvoinstrua entrepreno Opening.

* Artikoleto en *El Periódico de Catalunya* (02.09.12) informas pri la konata interreta brazila E-kurso.

* Artikolo de Virgínia Mascaró rilate al Esperanto, sub la titolo "Tio, kio estas malgranda, estas bela" aperis en la dimanĉa suplemento de ĵurnalo *Avui* (02.09.15).

* Aperis interesa intervjuo (02.08.21), sub la titolo «Esperanto esti facila», farita al s-ano Karles Berga en la kataluna eldono de ABC. Cetere, la eraron en la titolo profitis s-ano Cvi Solt, kiu sendis gratulan sed atentigan reagon el Israelo!

* Karles Berga estis intervjuata ĉe la televidstacioj *Barcelona Televisió* kaj *Canal Blau* el *Vilanova i la Geltrú*.

* Aperis interesa artikolo en la ĵurnalo *La Vanguardia* (02.08.19) pri la verkisto Manuel de Seabra, portugala samideano establigxinta en Katalunio, kaj lia edzino, la e-verkistino Vimala Devi.

## Madrido

La magistrato de Madrido pozitive respondis al letero de HEF kaj Madrida E-Liceo, kiu apogis peton de omaĝo al esperantisto, urbestro de Madrido dum la hispana milito, Cayetano Redondo. Oni konfirmas ke strato de konstruata kvartalo *Sanchinarro*, portos honore al nia samideano la nomon *Alcalde*

*Cayetano Redondo.*

*Toño del Barrio*

## Valencio

La ttt-ejo de *Universitat Politècnica de València* donas aliron al e-kurso: http://ttt.inf.upv.es/"rausamon/canal-esperanto/kurso/lecionoj.htm.

Kurioze, ĉu ne?

*Darío Rodríguez*

## Ĝenerale

La 24an de aŭgusto 2002 reprezentanto de la eldonejo Col.lectiu Teranyines enmanigis en la majorka vilaĝo Sant Joan al Jorge Camacho ekzempleron de la omaĝlibro "Josep Rosselló Ordines", por ke li ĝin transdonu al la kolekto Juan Régulo Pérez de Hispana Esperanto-Federacio en Madrido. La 220-paĝa libro (ISBN 84-921996-7-9), 12a en la kolekto Monografies Santjoaneres, enhavas naŭ artikolojn, inter ili unu de Xavier Margais pri Josep Rosselló (1882-1966) kiel pioniro kaj defendanto de la internacia lingvo, kaj plian de Vicent M. Rosselló pri lia transiro de esperanto al sia propra projekto Interlatin. La libro estas verkita en la majorka aŭ katalunа.

* Eduardo Vargas, Solo, kiu lastatempe faris turneon tra eŭropo (interalie li koncertis en Marburg, Darmstadt, Reimheim, Koln, ktp.), invitas nin al sia ttt-ejo, en kiu oni povas trovi fotojn kaj mp3-dosierojn de ĉiuj liaj albumoj: www.capitalia.net/solotronik.

# Je la ĝusta HoRo



Postkritiki tre facilas kaj plezure senpenas; do mi faru, eĉ duoble: Unua kritiko: la renkontiĝo estis tre sukcesa; dua kritiko: nenio en ĝi akuratis, krom la sukceso mem.

Belega urbo monumenta, Salamanko; sobra kaj belega loĝejo, 16-jarcenta, preskaŭ ideala por ĉi tia aranĝo. Sed ĉu ankaŭ partoprenantoj, eĉ se ne 16-jarcentaj? La organiza skipo dekomence tre riskis entreprenante novan junularan renkontiĝon en nia eŭropranda landeto. Unusemajnan renkontiĝon. Ili riskis same ol optimistis. Ili tre laboris dum monatoj. Ja la kuraĝaj senkapuloj nur unu jaron antaŭe elcerbumis la aferon, dum vojaĝo.

Entrepreni ion ĉi tian dormigas maltre longe. Ĉu iu emas? David kaj Mónica (alfabetorda kerno de la afero), ekzemple kaj ekzemplodone, decidis ne dormi dum la HoRo-a semajno. Lia ĉambro estis deponejo, komputilejo, presejo kaj organizejo; trankvilige provizita de ena — necesejo, tre utila.

Jen la unua tago, 11a de julio. Unua vespero. Homoj alvenadas gute, lacaj. Ĉiu organizanto timas, interridete, kiom da, kiom da, kiom da jam alvenis. En la ĉambro de alfabetor-de-David-kaj-Mónica, inter straten trafenestraj ekrigardoj, ĉu hazarde alvenas misvojiĝinta pol-plena buso por garantii la partoprensukceson, la kongreslibro finpreparatas — sentime: sperto ne mankas pri lastminutaj geniaĵoj. Finfine Rubén pafiĝas presejen por obligi la frukton deziratan, je la ĝusta HoRo-a minuto.

La 20a horo de la unua tago de la unua HoRo... komuna agrafado de kongreslibroj. Nekredeble. La 21a horo: tre feliĉe jam alvenis pli ol manpleno da homoj. Sed ve ve ve, ili ĉiuj samminute malsatas, kaj manĝokuponoj ankoraŭ prepara-

tas (komputila paneo?). Hastego. Plian antaŭtagon dezirus nun David, Félix, Mónica kaj Rubén. Tro da aferoj por maltro da maldormemuloj. Lastminuta refoja geniaĵo, manpleno da kuponoj malsatigaj.

Unua vespermanĝo en la apuda studentejo. Granda manĝejo, bona kaj abunda manĝaĵo por tuta semajno. Post preskaŭaj koratakoj, ĉio ekiras kontentige. Venadas plipliaj homoj; ne pola buso, tamen du polinoj.

Programo? Kio estas tio? Tre bone, jen tuj. Akceptado. Dolĉaĵoj. Sangrio malvarma. Noktaj diboĉadoj. Taglumaj promenadoj. Siestoj laŭvolaj. Suno, suno, suno. Monumentoj. Vidbendoj. Ludoj. Tipa internacia vespereto. Koncertoj kaj konversacioj. Muzeo. Du belaj, interesaj kaj amuzaj ekskursoj. Kursetoj. Pli da malvarma sangrio. Eĉ akvobataloj. Kaj ridoj.

Jen ekzemple interesa Esperanto-kurso, sen instruisto nek lernantoj. Lastmomentajn afiŝojn nia senlaca ekstremadura samideano José-alinome-Kani volontulis dismeti tra la urbo. Ve, tian disafiŝadon endas fari almenaŭ unu semajnon antaŭe; simple ne eblis. Lluis la antaŭan vesperon disprivoĉis la kurson en la manĝejo, stare sur seĝo, al la mirigitaj neesperantistaj



Manĝeti



Laboreti

studentoj; ankaŭ tian disprivoĉadon endas fari dum tuta semajno; prefere tamen ne sammanĝeje nek samseĝe ĉiutage... Kion fari. Sperto majstru. Krome, por se venos lernaviduloj, preta instrukapablulo tre utilas, prefere kun metodo kaj materialo. Uf!

Pli da superrealisma programo? Dum Iván dancigis la volontulojn ĉaĉaĉae, David senespere atendis "paperaviadilamantojn"; ja tro longa vorto por istiĝi prie, ĉu? Tro peza aviado, eĉ se papera, por posttagmanĝa horo varmega.





Pli? Funebra nokto. Senluma loĝejo. Kandeloj ĉirkaŭ la klostro, kaj en ĝi maskovestokonkurso ĉe la centra puto. Krioj kaj veoj noktomezaj. Ridegoj. Gilles filmindis por la ontaj Esperanto-analoj francaj-iberiaj.

Jomo tre sukcese koncertis dufoje en publika drinkejo, preskaŭ plenigita de HoRo-anoj. Gape mirigita neesperanta publiko... "Pri kio ĉi tio temas, ĉi frenezuloj"? Disponeblaj broŝuroj pri Esperanto. Interesitoj. Inter la dancantoj, pli ĝuste inter iliaj folaj kruroj, la plej juna HoRo-ano, denaska dancanto kaj denaska esperantisto, la trijara Marta. Belega okazo; la organizantoj maltrafis la ŝancon antaŭkontakti la lokajn informejojn. Ankaŭ Solotronik koncertis dufoje: en la HoRo-ejo dum la funebra nokto, kaj alitage en la sama trinkejo. Li private kaj atute ja kontaktis la informejojn por sia dua koncerto, kaj li atingis televidintervjuon kaj ĵurnalraporton... Organizintoj kaj organizontoj notu.

Matena vizito al la katedralo. La onklo de Rubén plej zorge kaj afable gvidis la matenemulan trupon ŝtonavidan. Lia detalega vortozo penigas min, pliafoje amatoran interpretiston. Foje plej fake arkitektura vorto el la lipoj de la afabla kaj katedrale ĉioscia Rubén-onklo subite embarasigas min, tre ridige por la hispanlingvaj HoRo-anoj. Se la nova katedralo impone belas, la malnova senarmige ravas, ĝia klostro, ĝiaj ĉeloj. Jen en unu ĉelo la flago uzita de la kastiliaj ribelantoj kontraŭ Karolo la 1a. "Mi restos ĉi tie por momento..." Indis plezure aŭskultadi la rakonton de la laŭtparolilo, sur jarcentoplena benko, rigarde la flagon. La trupo pluiris: Kani tre efike prenis la interpretistan torĉon, kaj eĉ post la foriro de nia gvidanto, li plue instruis al la homoj el siaj bonaj instruistaj historiaj konoj.

La nokto plaĉas. Ie supozeble estas varma luno salamanka, tre dolĉa, se ni



Solotronik



Preparlaboro kaj fantomo





Danci



Kunveni

nur havus forton serĉi. Ekster la HoRo-ejo, la homoj surplanke atendas. Mankas iuj dancontoj. Nia irlanda amiko Somhairle dume pliafoje voku romee la direktorinon de la loĝejo, kies laborĉambro estas luma; ŝi honteme fermas la ŝutrojn anstataŭ juliete kaj eskale disponigi siajn harplektaĵojn. Subita kaj noktopreta rusino alvenas la oscendantaron kaj defias: "*¡Vamos a bailar!*" Uaŭ, la hispanlingva fulmkurso de Félix-alinome-Felikso utilis por io plia ol "*Una cerveza por favor*"... Ne eblas tioma efiko; suspektinde ŝi jam konas la





Ludi kaj labori



lingvon antaŭ salamankado. Lastlastaj kaj HoRo-e malakurataj jen aperas la dormemokulaj organizantoj; nun jes ja oni iru danci efektive — ruse kaŭ hispane.

Ĉu mi risku forgesi lokon? Mi antaŭpardonpetas. Jen riske: HoRo-umis geamikoj el Francio, Germanio, Irlando, Italio, Nederlando, Polio, Portugalio kaj Rusio. De pli proksime, venis geamikoj el Andaluzio, Ekstremaduro, Galegio, Katalunio, Madrido kaj Valencio. Plentrafa mikso por la 39 partoprenintoj. Senduba atuto por unua HoRo.

Ne nur mi povas nur gratuli la organizantojn; kontento estis la ĝenerala sento inter la partoprenantoj, krom du-tri esceptoj. La HoRo-a skipo vere penis regali la homojn per siaj tempo kaj dediĉo. Belega loko; komforta loĝejo; programo... nu, ia, iel... maldensa, foje ege originala; sed precipe semajno plenplena de bonega, amika kaj amuza etoso. Iujn misojn kaŭzis nur manko de sperto kaj nesufiĉa nombro de homoj en la organiza skipo; tio unua jam solvitas, tio dua pli malfacilas.

De kiam mi eklernis Esperanton antaŭ preskaŭ 14 jaroj, mi foje aŭdis pri iamaj tendaroj en Hispanujo; same mi foje legis pri Atlantido. Eble ili efektive okazis; laŭdire postvivantoj restas, kiuj ankoraŭ, pacience kaj karesmiene aŭskultate, kapablus atesti.

Kaj jen, post jaroj da semado, reunua junulara renkontiĝo. "Malfeliĉe en mia epoko ĉi tiaj ne okazis!" Cetere, kiam la redua?

*Marcos Cruz*

## Nova poŝvortaro por hispanlingvanoj

2002




Longe, tre longe, devis atendi la hispanlingva komunumo ĝis, fine, ĝi povas disponi ambaŭdirektan aktualigitan poŝvortaron de Esperanto.

En 1966 aperis en Valencio la Hispana—Esperanto vortaro de Ernesto Tudela Flores, kiu celis kompletigi la antaŭe aperintan vortaron, Esperanto-Hispana, de la sama aŭtoro. Kaj apenaŭ unu jaron poste, en 1967, aperis la vortaro Lexicón de la eldonejo Sopena.

Dum la lastaj 35 jaroj, ĉi 384-paĝa poŝvortaro, formate tre malgranda, 14 x 7,5 cm, alprenis la rolon de granda vortaro de Esperanto por hispanlingvanoj. Nu, kiu hispana esperantisto ne havas ekzempleron de Lexicón hejme?

Tamen la vortaro, kiu helpis nin kreski kiel esperantistoj, iom post iom perdis aktualecon ĉar, malgraŭ tio ke ĝi estis plurfoje reeldonita, la eldonejo neniam ŝanĝis eĉ unu komon de teksto, en kiu, jaron post jaro, sentiĝis la manko de novaj vortoj.

Nun la situacio ŝanĝiĝis kaj, danke al la modernaj teknologioj, kaj al sindonema laboro, la hispanaj esperantistoj disponas jam vortaron, kiun oni daŭre tenos aktuala por ĉiu nova eldono.

La nova vortaro, kiun la aŭtoro prezentis en Alakanto okaze de la 61a Hispana Kongreso, estas poŝvortaro, tamen formate iom pli granda ol Lexicón, 17 x 11 cm., kaj havas 474 paĝojn.

Ĉion bonan, do, al ĉi nova vortaro, kiun la aŭtoro volis nomi "Amika" sed fine ricevis la nomon "2002". Kial? Nu, pri tio kaj pori multaj aliaj kuriozaĵoj li longe parolis al la partoprenantoj en la kongreso. Nu, eble en venonta bulteno, li emos klarigi denove la aferon, ĉi foje por tiuj kiuj, bedaŭrinde, ne povis veni al la bela mediteranea urbo, kaj tamen estas kutimaj legantoj de Boletín.

*M. Zocato Diez*

# SAT Kongresis en Alakanto

Kreshimir
Barkovich
Ĝenerala
Sekretario de SAT






La dua plej granda internacia organizajho rilata al Esperanto, Sennacieca Asocio Tutmonda (S.A.T.), okazigis sian 75an kongreson en Alikanto, en la sama loko kie poste okazis la hispana kongreso, inter la 1a kaj la 7a de julio.

La fortan organizan laboron entreprenis grupo da alikantanoj, inter kiuj ni devas speciale mencii nian samideanon Martenon Bustín.

Alighis iom pli ol 200 personoj. Pro rifuzo de vizo, chirkaŭ 60 ne povis eniri en Hispanion, precipe afrikanoj kaj chinoj. La etoso estis tre internacia. Aparte de forta grupo de hispanoj kaj francoj, venis SAT-anoj el ekzemple Aŭstralio, Japanio, Madagaskaro, Irano, pluraj orienteŭropaj landoj, sed, iom kurioze, ne el Ameriko. La meza agho estis relative alta, kvankam ankaŭ partoprenis multaj mezaghuloj kaj pluraj pli junaj.

Okazis multaj kunvenoj, fakaj kaj gheneralaj, por pritrakti la nunan situacion, tutmondan, de la Esperanto-movado kaj de SAT mem: ja SAT estas tre serioza organizo!. Dum la organizaj laboroj oni multfoje rememoris la antaŭan prezidanton de la Plenum-Komitato de SAT, k-don Ivo Peyraut, forpasintan la 5an de januaro de tiu chi jaro.

Plurfoje kunvenis la chiam tre forta liberecana frakcio, en kiu aktive partoprenas pluraj samideanoj el Hispanio. Ankaŭ reekviglis la komunista kaj la ekologiista frakcioj, kiuj lastatempe ne multe aktivis.

Grupo da hispanaj partoprenantoj kunvenis por analizi la nunan situacion de la laborista Esperanto-movado, en Hispanio, kaj specife de la asocio HALE. Oni elektis novan peranton de SAT por Hispanio, kamaradon Pedro A. Hernández Úbeda, el Madrido.

Estis prezentitaj la novaj retpaghoj de SAT, www.sat-esperanto.org, lastatem-

pe renovigitaj, interalie kun prezento de SAT en diversaj naciaj lingvoj, interalie en la hispana.

## Kulturaj eroj

En "ne partipolitika, sed nur kleriga, eduka, kultura organizo", kiel sin difinas SAT en sia Statuto, ne povis manki la kulturaj aferoj.

La sendube plej grava ero estis la prezento, fare de Michel Duc Goninaz, de la nova versio de Plena Ilustrita Vortaro, kiun SAT eldonis. Michel kaj liaj kunlaborantoj faris gigantan laboron, kiun la SAT-anaro forte dankis. Tio pruvighis en la granda kvanto da ekzempleroj venditaj dum la kongreso.

Ankaŭ prezentighis alia grava verko, "La Universalismo", verkita de Djémil Kessous.

Tre interesaj prelegoj richigis la programon: Zofia Banet prelegis pri familio Zamenhof, pri kiu shi publikigis antaŭ nelonge treege interesan libron, dokumentita per la rezulto de shiaj historiaj malkovroj; Natalia Arolovich parolis pri Salvador Dalí kaj Tatjana Auderskaja pri V. Eroshenko. Augusto Casquero prezentis la lingvojn de Hispanio, kaj Miguel Fernández la verkon de Federico García Lorca. Ankaŭ estis teatraj prezentadoj, fare de la aktoro Jerzy Fornal.

Ne povis manki distraj aktivajhoj, inklude de ekskursoj al la urbo Alikanto kaj aliaj interesajhoj en la provinco, kaj de prezentado de hispanaj folkloraj dancoj. Ni havis tempon ech por improvizita "SanktaFerminajho".

Laŭ mia persona impreso, la partoprenintoj forportis tre pozitivan impreson post la Kongreso, kaj montris apartan dankon al nia samideano Marteno Bustín, kiu, kun lia kunulino Lija, portis preskaŭ tutan la laboron organizi la kongreson.

*Toño del Barrio*

### Deklaracio

La 75a Kongreso de SAT, okazinta en Alakanto (ES) de la 1a ĝis la 7a de julio 2002,

— konstatas, ke Esperanto estas tute taŭga en batalo por la lingvaj rajtoj kaj informas, ke SAT eldonis novan Plenan Ilustritan Vortaron kiel unu el la rimedoj en tiu batalo.

— konstatas ke 60 aliĝintoj ne povis partopreni pro rifuzo de vizo, kaj protestas kontraŭ tiu malrespekto de la rajto je libera cirkulado.

— alvokas al batalo kontraŭ ĉiaj limigoj de la libereco individua kaj kolektiva sub la preteksto de Ŝtata reago kontraŭ iuj armitaj grupoj;

— apogas la usonajn civitanojn kaj organizaĵojn kiuj batalas kontraŭ la mortpuno;

Ĝi alvokas al solidareco kun la palestina popolo kaj ankaŭ kun la israelaj civitanoj, kiuj aktivas kontraŭ la milito.

# Kio okazis en Verona?



De la 23a ĝis la 28a de aŭgusto en Verona okazis la kongreso de Eŭropa Esperanto-Unio. Proksimuma nombro de partoprenintoj estas 200, kvankam oni ne provizis liston da ili.

Krom interesa turismado kaj en la urbo, kaj al la bela lago Garda kaj al la amfibia urbo Venecio, oni aŭskultis brilajn prelegojn far doktoro Wells pri alfabetoj, far profesoro Tonkin pri 17-jarcenta literaturo, far liceniito Casquero pri la lingvoj de Hispanio, kaj far S-ro Zlatko Tiŝljar pri la ne-komunika funkcio de la lingvoj.



Ankaŭ okazis kelkaj komitat-kunsidoj, kun reprezentantoj el 9 landaj asocioj inter kiuj ĉi raportanto nome de HEF. Tie prezentiĝis diversaj raportoj kaj renoviĝis la estraro de EEU, kiu restas jene: Seán O'Riain, prezidanto; Katinjo Fettes-Tosegi, sekretario; Johan Derks, kasisto, kaj Flory Witdoekt, voĉdonanto.

Kaj fine okazis publika kunveno, kun i.a. jenaj du eroj:

1) Diskutiĝis kaj aprobiĝis ĝenerala rezolucio, kiu asertas ke la principo de reala fakta egalrajteco, ankaŭ lingva, estas enskribenda en la onta konstitucio de la Eŭropa Unio.

2) Surpodiiĝis Manolo Parra, Sekretario de HEF, kaj eldiris ĉe mikrofono:

"Estimataj geamikoj, nome de Hispana Esperanto-Federacio mi nun formale invitas por okazigo de la 6a kongreso de EEU en la jaro 2004 en la urbo Bilbao, ĉe norda Hispanio, en la regiono Eŭskio/Vaskio."

Pri ĉi lasta evento restas farendaj kelkaj konsultiĝoj antaŭ konfirmo.

*MPB*

# Kongresi en am(er)ika lando




El la 86 Universalaj Kongresoj okazintaj antaŭ la ĉi-jara, nur ses lokiĝis en la amerika kontinento, nome Washington (1910), San Francisco (1915), Portland (1972), Brasilia (1981), Vancouver (1984) kaj La Habana (1990); kaj el inter ili, nur du en Iberameriko. Krome, oni povas memori, ke ja Brazilo estas preskaŭ kontinento laŭ ĝiaj (super)mezuroj. Ekzemple: ĝi estas 17-oble pli granda ol Hispanio, la rivero Amazono enhavas 20% el la dolĉa akvo de la mondo... Nu, tiu grandioza lando gastigis ĉi-jare la plej grandan esperantistan rendevuon. La temo proponita —ankaŭ konvena por la landa kadro— estis "Diverseco: ŝanco — ne minaco". La nombro da partoprenantoj atingis proksimume la ciferon 1500, el kiuj brazilanoj konsistigis ĉirkaŭ la duonon.

La kongreso okazis en Fortaleza, la ĉefurbo de la ŝtato Ceará, origino de la brazila verkisto José de Alencar, kies fama kaj ama romano en poezia prozo *Iracema* —nomo de indiĝenino, kiu estas anagramo de América— estis tradukita ankaŭ al Esperanto.

Dum la malfermo, okazis diversaj intervenoj. Reprezentanto de la brazila prezidento legis salutdiskurson en perfekta Esperanto, kaj Renato Corsetti, prezidanto de UEA, prelegis instigante al kuraĝo kaj optimismo pri la progresado de Esperanto *(la Historio ne finiĝas kie la realistoj urĝas aserti...).*

Sed por mi, la plej emoci(ig)a momento okazis ĉe la kantado (unue individue, poste arope) far mirind-voĉa artisto de *Akvarelo de Brazil'*. Oni povus diri, laŭ la sugesta imago, ke multaj ko(lo)roj miksiĝis harmonie por formi muz(ik)an pejzaĝon.

La kongreso, kiel kutime, estis okazejo por renkontiĝo de diversaj grupoj kaj ŝanco por rigardi belajn artspektaklojn. Tiuflanke, oni povas substreki la specialan signifon de la muziko kaj la elstaran partoprenon de junuloj. Ŝajne, Brazilo estas fekunda grundo por verdlingva frukto-kresko kun pli da esperantista "ordo kaj progreso" —laŭ la moto de la nacia flago— ol en aliaj landoj.

Resume (kaj remultiplike), kiel mi skribis al amiko pri Ameriko, Esperanto




* La Akademio de Esperanto havas propran lokon en la tuttera teksaĵo (TTT):

www.akademio-de-esperanto.org

Se vi volas subteni la agadon de la Akademio, vi povas kontribui al ĝiaj ĝeneralaj kostoj per simpla solvo: sendu donacon al la konto de la akademio ĉe UEA; kodo: "akad-s".

* Kompleta eldono de Fundamento de Esperanto, de Zamenhof, enretigita de Wolfram Diestel, aperas en la retpaĝaro de la Universitato de Leipzig.

adreso: www.uni-leipzig.de/esperanto/texte/bibl/fundamento/

*Darío Rodríguez*

* La estraro de Itala Instituto de Esperanto decidis starigi Katedron de Esperanto en la urbo Brescia. La Katedro rajtas aranĝi kursojn por komencantoj, por progresintoj kaj por instruontoj. Informoj ĉe: Breŝa Esperanto-Grupo, via Crocifissa di Rosa 63, IT-25128 Brescia, Italio, rete: <esperanto.brescia@libero.it.>

* La listo de la Koresponda Servo de Enrique Ellemberg konsulteblas ĉe:

http://members.aol.com/enrike/ekspeto.htm

* Por aperigo de anonco pri korespondado, legu la regulojn ĉe:

http://members.aol.com/enrike/ekseo.htm (esperante)

http://members.aol.com/enrike/ekscas.htm (hispane)

*Darío Rodríguez*

* E-kantoj en originala kaj karaoka versio troveblas ĉe:

http://mpovorin.narod.ru.

* La 24a Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj okazis en Sikonda, Hungario (02.08.12-21).

* La Revolucia Asocio de Virinoj de Afganio (RAWA) kampanjas por virinaj rajtoj en sia lando. Iliaj dokumentoj, ankaŭ en Esperanto, aperas ĉe:

http://rawasongs.fancymarketing.net/ny-attack_es.htm.

*Jakobo Schwartz*

* La unua Mongola kongreso de Esperanto okazis la 10an de julio 2002 sub aŭspicio de la urbestro de Ulaanbaatar, ĉefurbo de Mongolio. Partoprenis ĉirkaŭ 30 mongolaj esperantistoj.

*Enkhee*

---

kaj Brazilo estas ingrediencoj de miriga koktelo vere (kaj reve) trinkinda. Se oni volas (re)gustumi ĝin, la venontan jaron Belo Horizonte —sidejo de la 38a Brazila Kongreso de Esperanto— atendas (o)nin.

*Lorenzo Noguero*




# Mondfederistoj kaj Esperanto

La 24a Monda Kongreso de la Mondfederista Movado (World Federalist Movement [WFM]), kiu kunsidis en Londono, Britujo, de la 11a ĝis la 15a de julio 2002, akceptis la ĉi-sekvan rezolucion pri Esperanto:

KONSIDERANTE KE demokrata monda federacio postulas la interŝanĝon de ideoj inter ĉiuj en la monda komunumo,

KONSIDERANTE KE la Esperanto-movado subtenas la mondfederistajn idealojn de mondcivitaneco kaj egalaj rajtoj por ĉiuj membroj de la monda komunumo,

KONSIDERANTE KE ĉi tiu organizaĵo en la jaro 1977 alprenis rezolucion, kiu indikas ke mondfederistoj devus uzi Esperanton,

KONSIDERANTE KE la Mondfederista Movado estas membro de la Koalicio por Internacia Help-lingvo,

Ni rezolucias

*ke la Mondfederista Movado kuraĝigu siajn membrojn lerni la nenacian lingvon Esperanton.*

La laboro por akceptigi ĉi tiun rezolucion pri Esperanto (kiu estas la dua en tiu medio), komenciĝis proksimume antaŭ unu jaro, pro iniciato de konataj esperantistoj-mondfederistoj, Etsuo Miyoshi kaj Ron Glossop. Universala Esperanto-Asocio helpis ilin tra la tuta jaro, kaj aranĝis por ili surlokan subtenon fare de la britaj esperantistoj, kaj provizis ilin per materialo por disdoni.



Mondfederistoj kongresis en Londono

Okazis speciala kongresa evento dum la vespero antaŭ la voĉ-dono pri "Esperanto kaj Mondfederismo", kiun proksimume sesdek personoj ĉeestis. David Thornell, Prezidanto de la Londona Esperanto-Klubo, prezidis. Parolojn prezentis Etsuo Miyoshi, David Kelso, Charles Rowe, kaj Ron Glossop. Sekvis diskuto pri Esperanto kaj ĝia rilato al la Mondfederista Movado.

David Kelso (Direktoro de la Brita Esperanto-Asocio) ĉef-rolis kiel organizanto de la esperantista partopreno. Sabate Norah Brown kaj David Kelso starigis budon kaj deĵoris en ĝi por informi la kongresanojn pri Esperanto.

*Renato Corsetti*

# Brusela Komunikad-Centro

La Brusela Komunikad-centro konkrete kontribuas al la tri agaddirektoj de la Strategia Laborplano 2001-2010 de UEA: profesiiĝo, tutmondiĝo kaj plijuniĝo. Ĝi liveras lingvopolitikajn informojn al esperantlingvaj ttt-ejoj, kunlaboras kun Landaj Asocioj kaj informas pri lingva politiko. Pere de la retlisto "rebato" ĝi instigas esperantistojn al pripensita reago, publikigas leterojn en mondaj gazetoj, atentigas nome de UEA, EEU kaj LA-oj pri lingva malegaleco (gazetaraj komunikoj, respondoj al ĵurnalistoj, ttt-ejo por ĵurnalistoj kaj politikistoj www.lingvo.org).

Informado pri konkretaj problemoj malfermas pordojn al funkciuloj kaj ĵurnalistoj, ankaŭ rilate al nia lingvo. Tiel eblas eviti ke oni ne tro rapide fermu la pordon pro antaŭaj spertoj pri tro postulemaj petoj kaj projektoj, neadekvataj rezoluciproponoj, amatorecaj intervenoj ĉe funkciuloj kaj politikistoj.

Dum kelkaj monatoj la centro kreis zorge elektitajn adresarojn de 5000 retpoŝtaj adresoj de germanaj politikistoj kaj ĵurnalistoj, 4000 hispanaj, 1000 flandraj, 500 nederlandaj, 800 italaj, 300 svedaj ktp. La Komunikad-centro disponigas al belgaj kaj italaj esperantistaj agantoj "Resumojn de artikoloj" pri la lingva problemo kaj "Informojn pri Lingvaj Politiko" por interesigi politikistojn kaj ĵurnalistojn pri la lingva problemo kaj por altiri vizitantojn al la ttt-ejoj de la asocioj.

**Rilate al ĉi artikolo, vidu decidon de la Estraro de HEF en Alakanto**

Unu el la temoj de la gazetaraj komunikoj, kun klaraj starpunktoj de UEA kaj aliaj Esperanto-organizoj, estis pri "Lingva diskriminacio ĉe internaciaj organizoj", kiuj postulas denaskan scipovon de la angla por postenoj oficiale malfermitaj al ĉiuj civitanoj. La Komunikad-centro preparis oficialan plendon de UEA ĉe la Eŭropa Popoldefendanto rilate lingvan diskriminacion. La Komisiono nun repripensas sian antaŭan starpunkton pri dunganoncoj. Politikistoj kaj ĵurnalistoj telefonis al Esperanto-asocioj por ekscii pli, la germana televido ARD faris intervjuon pri la temo kun la direktoro de la Komunikad-centro, David Ferguson. Estas du pliaj parlamentaj demandoj pri lingva diskriminacio: "Deviga uzado de la angla ĉe Eŭropa Komisiono kadre de la SAPARD-programo" kaj "Oficiala plendo ĉe la Eŭropa Popoldefendanto".



# 1a SDER

Por festi sian 25-jariĝon BEC organizas kunvenon por ĉiuj BEC-amikoj kaj simpatiantoj sub la nomo: 1aj Someraj Dialogoj Esperanto-Restadejo, la 6an, 7an kaj 8an de septembro en Camí del Pou 9; 08691 Monistrol de Montserrat; Barcelono; Hispanio.

Tel: 679-71-59-82.

La Komunikad-centro instigas aliajn LA-ojn kaj esperantistojn al kunlaboro. Temoj de la estontaj gazetaraj komunikoj estos "Internaciaj studentoj en anglalingvaj landoj" (ĉefe Usono, Britujo, kaj Aŭstralio), "Instruado de la angla", "Kosto kaj kvalito de anglaj kursoj", "La angla sur produketiketoj", "La angla en dunganoncoj", kaj "Eŭropaj patentoj".

*Renato Corsetti*

# Tre bone, sed...




# Kion fari nun?

En Eŭropo ekzistas kelkaj movadoj kiuj strebas ke Eŭropo unuiĝu en Federacio (unu registaro, ktp) kaj ili nomiĝas Eŭropaj Federistoj. Pluraj esperantistoj aktivas en ĝi, kaj danke al ilia laboro, kreiĝis Eŭropa Esperanto-Unio, kiu sekvas la idealojn de la federistoj atentigante krome pri la lingva problemo.

Eble iom malpli konata ĉe ni estas la mondaj federistoj, kiuj simile agadas sed mondskale. Ankaŭ tie pluraj esperantistoj aktivas, inter kiuj s.ro Miyoshi estas *nia* ĉefaganto.

La Mondfederistoj akceptis gravan rezolucion favore al esperanto, dank' al intensa kaj efika agado de niaj samideanoj Miyoŝi, Kelso kaj aliaj. Nun estas nia vico daŭrigi la laboron! Traduku ĝin en vian nacian lingvon, diskonigu ĝin kiel eble plej, kontaktu la landajn sekciojn de la mondfederista movado proponante kunlaboron por ĝia apliko, kaj ne forgesu raporti al mi pri la sekvoj!

*Michela Lipari*

# Universitato

Jen kelkaj klarigoj kaj indikoj cele al enketo pri Esperanto en la universitato.

Ĉar nepre ni havu fidindajn informojn pri la "oficiala" situacio de la instruado de esperanto, dum rilatoj kun politikaj medioj kaj instru-instancoj, mi relanĉas la enketojn, kiujn mi faris inter 1981 kaj 1992.

La celo estas duobla:

1) havigi plej eble fidindan materialon al tiuj, kiuj klopodas por starigi novajn katedrojn (aŭ plifortigi nunajn) aŭ aliajn formojn de "oficiala" instruado je supera nivelo (universitatoj; samnivelaj institutoj) kaj en la lerneja sistemo ĝenerale; kompreneble tio koncernas ankaŭ "oficialajn" seminariojn pri interlingvistiko kun i.a. esperantologio.

2) havigi al la institucioj, en kiuj esperanto estas jam "oficiale" instruata, sciigojn por ebligi interŝanĝojn de informoj pri la konkretaj cirkonstancoj de la instruado, pri la metodologio, la programoj, la enhavo de la ekzamenoj; krome tio povus instigi al diverscelaj, fakaj rilatoj kaj renkontiĝoj inter la diverslandaj instruistoj kaj studentoj.

Sekve, mi rekompiladas informojn :

1) Pri la "nuna" oficiala stato de esperanto laŭ instru-vidpunkto, je ĉiuj niveloj, laŭ jena ekzemplo :

"Belgio : 1980 - En parlamenta respondo al deputito, la franclingva Ministro pri Edukado deklaris, ke eblas stariri e-kursojn dum la komplementaj aktivaĵoj en mezgradaj lernejoj, se minimume 8 lernantoj elektas ĝin /Bulteno de la parlamentaj demandoj kaj respondoj, 12.11.1980, p.333, demando n-ro 212/" (El la 4a eld., dec. 1983, de mia libreto).

2) Pri "oficialaj" e-kursoj en universitatoj kaj superaj institutoj (universitata nivelo), kaj pri interlingvistikaj seminarioj laŭ jena modelo:

- * : informis la kursgvidanto mem

- a) univ. aŭ sup.inst. + adreso, laŭ latina alfabeto

- b) kursgvid. + privata adreso, poŝta kaj reta - /P/ la kursgvid. estas pagata

## Datreveno

Dimanĉon, 30an de junio, la hispana esperanta komunumo festis la 125an datrevenon de la naskiĝo de s-ano Julio Mangada.

## ATENTU

Luis Serrano Pérez havas novan retadreson. Bv. noti:
luis_serrano@mixmail.com

[rim. a-b: se estus specialaj literoj en viaj nomoj kaj adresoj, sendu eventuale la informojn kiel aldonitaĵoj en Word]

- c) mallonga priskribo - horoj/semajne - sume; kun ekzameno, poentoj, atestilo.

Ekzemploj :

Ĉinio; Dalian (Liaoning) :

a) Universitato / Dalian Daxue, Baishan Lu 79, CN-116022 Dalian, Liaoning;

b) Doc. Wang Tailin (Chanzhou Jie 28-2-2, Shakehou Qu, CN-116023 Dalian, Liaoning) /P/;

c) Nedeviga, dua fremdlingvo por studentoj de la fremdlingva fakultato en la 2a kaj 3a jaroj; 1 jaro, 2 h/sem, s. 72 h; 2 niveloj: 1a, fonetiko, vortfarado, sintaktso, konversacio; 2a, literaturo, tradukado, E-historio.

Kun ekzameno

Germanio; * Berlin:

a) Universitato / Humboldt- Universitöt Berlin, Unter den Linden 6, DE-10099 Berlin;

b) D-ro Detlev Blanke (Gesellschaft f³r Interlinguistik e.V. www.interlinguistik-gil.de ;Otto-Nagel-Str. 110, DE-12683 Berlin dblanke.gil@snafu.de);

c) Interfakultata; 1 semestro, 2 h/sem (s. 30 h); prelegserio. Tipologio de planlingvoj, interlingvistiko, esperantologio, enkonduko al Eo(strukturo, evoluo, apliko, lingvo-komunumo kaj ties historio). Kun atestilo pri partopreno necesa por la diplomo resp. atestilo pri studlaboraĵo".

**62a Hispana E-Kongreso**

**kaj**

**14a Eŭropa E-Forumo**

VALENCIO 2003

(100a Jubileo de hispana kaj valencia asocioj)

15-19 julio, kongreso; 20 julio, ekskurso

Kongresejo: FACULTAD DE FILOLOGÍA; Avda. Blasco Ibáñez, 32; Valencia

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31. ES-46009

Valencia. Rete: augustocasquero@infonegocio.com

Tiajn informojn mi havu laŭeble ĝis la fino de oktobro, por havi unuan supraĵan vidon antaŭ la fino de la jaro. Mi substrekas ke kiu ajn rajtos uzi laŭplaĉe tiun dokumenton, kondiĉe ke oni mencias la fonton.

Antaŭdankon pro havigo de fidindaj informoj, (preferinde per la reto: gepir.apro@pandora.be, sed sciigoj bonvenas ankaŭ poŝte G.Pirlot, Steenbakkersstraat 21, BE-8400 Oostende, Eŭropa Unio/Belgio ).

*Germain PIRLOT*

# Komparo de la Angla kaj Esperanto



## Alfabeto:

Angla: malfonetika (46 fonemoj, 20 signoj)

Esperanto: fonetika, 28 literoj

## Prononcado:

Angla: kaosa, nekaptebla, kreado de baza regulo ne eblas,

Esperanto: oni prononcas ĉiun literon, kiu reprezentas nur unu sonon

## Akcento:

Angla: nedefinita, preskribita de la uzado, konstruado de normo ne eblas

Esperanto: ĉiam la anta~ulasta silabo

## Neregulaj verboj:

Angla: pli ol 150

Esperanto: neniom

## Konjugacio:

radiko:

Angla: ŝanĝiĝanta

Esperanto: konstanta

finaĵo:

Angla: 652

Esperanto: 6 (3 aktivaj kaj 3 pasivaj participoj)

## Rekoneblo de la gramatikaj funkcioj:

Angla: konfuza, pluraj gramatikaj rilatoj estas ne esprimitaj

Esperanto: klara kaj travidebla

## Sintakso:

Angla: malfleksa, fiksita vortordo

Esperanto: tre fleksa

## Vortfarado*:

Angla: limigitaj ebloj: 5%

Esperanto: vaste eblas: 17%

### Indekso de aglutinado:

Angla: 0,3
Esperanto: 1

### Idiomoj:

Angla: nekalkuleblaj
Esperanto: teorie ne ekzistas

### Homonimoj:

Angla: tre multaj
Esperanto: teorie ne ekzistas

### Plursignifaj vortoj **:

Angla: ĉiutaga (1)
Asperanto: tre malofta

### Vorttrezoro por kompreno de ordinara teksto ***:

Angla: por 80%-90%: 2000 vortoj; por 99%: 7000 vortoj (2)
Esperanto: por 80%-90%: 500 vortoj + 50 gramatikaĵoj; por 99%: 2000 vortoj

### Tempo por akiro de baza lingvoekzameno ****:

Angla: 1500 horoj por franca parolanto
Esperanto: 150 horoj (por franclingvano)

Literaturo

* Wells, John C.: Lingvistikaj aspektoj de Esperanto. Angla fonetikisto ĉe University College London.

** Thorndike, Edward: fama usona edukisto.

*** Setala, Vilho: Fortoj de l' vivo.

**** Frank, Dr. Helmar: direktoro de Kibernetika Instituto de Paderborn.

(1) 21120 signifoj de 850 vorto baza vortaro.

(2) Ofteco de konsultado de la vortaro: unu nekonata el cent vortoj.



HEF

## Nepras ligi!

La biblioteka ttt-paĝaro de HEF estas ligita al la retaj paĝoj de la biblioteko de la Fondaĵo Ortega y Gasset. La ligo okazis danke al la klopodoj de Lupe Sanz ĉe la zorganto de tiu biblioeko, Jorge Magdaleno (MEL-ano). Vidu ĉe:
www.ortegaygasset.edu/Biblioteca/Enlaces.htm#directorios.

La paĝaro de la fondaĵo estasligita ankaŭ al paĝo de e-vortaro:
www.ortegaygasset.edu/Biblioteca/otrosenlaces.htm#Enciclopedias
.

*A.M.t.L.S*



# Jen aperis




**Vojaĝo en Esperanto-lando** Boris Kolker (1939). Rotterdam: UEA, 2002. Dua reviziita kaj korektita eldono. 279 p. 21 cm. ISBN 92 9017 078 6.




**JoMo friponas!** (k-disko) JoMo. Vinilkosmo, Donneville 2001.

**Ano de l'ringludo** Dinko Simunovic; Ferdinand Hirt & Soihn en Leipzig, Esperanto-Fako, Leipzig. 1926.

**La nekonatino** Limburger Vereinsdruckerei. Limburg.

Donacis P. Juliá:

**Esperanto, Interlinguistics, and Planned Language** (Papers on the Center for Research and Documentation on World Language Problems - 5). D. Blanke, P. Juliá kaj aliaj. Edonita de Humphrey Tonkin. University Press of America, 1997.

Doancis Miguel Fernández:

**Havenoj** Mauro Nervi. Serio Kargo /Bambu Ltd. Varna, 2001. Bulgario.

# Litera turo

RAYUELA. Julio Cortazar. Ed. Edhasa. 17a ĉapitro

"(...) y desde un chirriar terrible llegaba el tema que encantaba a Oliveira, una trompeta anónima y después el piano, todo entre un humo de fonógrafo viejo y pésima grabación, de orquesta barata y como anterior al jazz, al fin y al cabo de esos viejos discos, de los show boats y de las noches de Storyville había nacido la única música universal del siglo, algo que acercaba a los hombres más y mejor que el esperanto, la Unesco o las aerolíneas, una música bastante primitiva para alcanzar universalidad y bastante buena para hacer su propia historia, (...)"




El la poemo

"Los Caballeritos de Azcoitia", Gabriel Celaya. (Rapsodia Euskara, 1961)

(...)
Los Caballeritos
que desafiaron
con gesto elegante
lo inerte y lo opaco.
Los Caballeritos,
tan libres de espanto,
que a Rousseau le hablaron
de tú en esperanto.
Los herejes, dijo
Menéndez Pelayo.
(...)

*Sendis Ana Manero*

# SEN

Jes, ĉi numero de Boletín mi redaktas kaj kompostas SEN. Mi klarigu ke, dum mi laboras preparante la diversajn artikolojn, serĉante fotojn en Interreto kaj prilaborante ilin, daŭre sonas en mia komputilo la viviga kaj refreŝigaj kantoj de la lasta k-disko de Persone: "SEN". Kia helpo!

SEN estas la *sen*elektra albumo de Persone. La 5 albumo de la fama esperanta rokbando. Tute akustika, kun du gitaroj, kontrabaso kaj bele interplektiĝanta harmonia kantado.

Multaj kiuj ĝuis iliajn etosplenajn koncertojn (mi, inter ili) senpacience atendis diskon kun tiu repertuaro de la bando.

Finfine jen ĝi, transprenanta la etoson kaj intimecon de la koncertoj al via k-diskilo.






## Certe... nepra disko

La disko enhavas naŭ novregistritajn kantojn kiel ekzemple la jam klasika "Mi ĉiam kredis", la mistika "Perloj sur la ter'" kaj la svenige bela akustika transformaĵo de la iama elektra furoraĵo "Revoj".

Aldone al la novregistritaj pecoj la KD finiĝas per du jam eldonitaj kantaĵoj kun plibonigita kaj remastrigita sono.

Mendu kontraŭ nur 13 € kun imposto (AVI) + 3,31 € por sendokosto ĉe VINILKOSMO; Esperanto Muzik-Prod.; FR-31450 Donneville; Francio; Tel: +33 (0)5 61 81 95 65; Rete: <eurokka@club-internet.fr>

Ĝi ankaŭ akireblas ĉe la TTTejo <www.vinilkosmo.com>, sub referenco VKKD 50.

Saĝuloj nepre aĉetu la diskon. "Ĉiomseduloj" sin detenu.

*Persone-fano*




Malfermu vian novan PIV-on, kaj, apud la kutimaj referencoj pri la deveno de la uzataj ekzemploj oni trovas, kompreneble: “Z” (Zamenhof), “X” (londona biblio), kaj aliaj, tre malmultaj. Inter ili, jenaj altiris mian atenton: “AM” (Abel Montagut), “F” (Miguel Fernández), “GN” (Gonçalo Neves), “JC” (Jorge Camacho).

Por scivoluloj, ni diru ke oni povas trovi referencojn ĉe jenaj vortoj:

Abel, ĉe “detektivi” kaj nerekte ĉe “Utnoa”, kompreneble.

Neves, ĉe “kodaki” (belega frazo!).

Miguel Fernández, ĉe “melki” (mi tre ridis rememorante lian novelon en “Ekstremoj”).

Jorge, ĉe “faŭko, ĉuro, furzi, porni, prilabori, midzi, komikso, horso...”.

Krom dara, tio estas multekosta, nun PIV fariĝis por la loĝantoj de la ibera duoninsulo, ankaŭ pli kara.

*Miguel Gutiérrez.*

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora